# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 13/12/2014 Cent naŭdek kvara eldono 13/12/2014 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

## 49. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

### LA MODOJ DE LA VERBO. A.



Se la diranto deziras simple mencii fakton, la verbo indikas tion per unu el la finaĵoj –as. –is, kaj –os. Ĉi tiun modon oni nomas la indikativo. Se la fakto okazis antaŭ la diro, ĝi havas –is (= la preterito), se post la diro, -os (= la futuro). Ĉar la ago kutime daŭras pli longe ol la diro, la finaĵo –as (= la prezenco) kutime okazas iom antaŭ, dum, kaj/aŭ post la diro kune. Do ĉe –as la nuno iomete elstreĉiĝas, sed la kompleta ago inkluziviĝas, same kiel ĉe –is kaj –os. La nuna –as eĉ inkluzivas la ĉiamon, kiel en "Murdo kutime juĝatas esti krimo".

En Esperanto la verbo ne povas, kaj ne bezonas, indiki nur parton de la ago; por tio uziĝas la adjektivoj –anta kaj -ata; nek la rezulton aŭ la antaŭvidon de ago, por kio oni uzas la adjektivojn –inta, -ita, -onta, kaj –ota. Ankaŭ demandoj estas plej ofte pri faktoj, do estas plej ofte en la indikativa modo.

Marcel Leereveld.

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**

**Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon** http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine
**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !** Vidu paĝojn 6, 7, 8. AE 193.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Zamenhofa Festa informo.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto-Domo Sidnejo Dimanĉon la 14an de decembro



Pordoj malfermiĝos je 11atm, manĝo ktp ĝis 12.30 ptm. La Espero. Prezidanto parolos. Naskiĝtagkukoj. Sin-prezentaj paroletoj (malpli ol unu minutaj) de ĉiuj? Poste 3 volontuloj parolos en Esperanto pri interesaj temoj dum 10 ĝis 15 minutoj. pli da manĝo, trinkado, interamikaj konversacioj, renkontiĝoj kun malnovaj kaj novaj amikoj. Finiĝos ĉirkaŭ 4 ptm.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## Zamenhof-tago en Adelajdo

La plej verŝajne unuan ĉi-jaran Zamenhof-tagon ni okazigis la 6-an de decembro en la hejmo de Indrani Beharry-Lall. Dekduo da esperantistoj preparis diversajn prezentaĵojn: pri la proverbaro de Zamenhof, pri lia amata filino Lidia, pri la E-himno, pri interesa aŭstralia E-pioniro Paris Nesbit ktp. Ni ankaŭ aŭskultis kantojn kaj mem kantis, spektis pup-teatraĵeton, interparolis, ridis, bonege manĝis kaj ĝenerale ĝuis la kunestadon.
Katja Steele








## 3ZZZ Retradio Melburno

Esperanto-programo estas dissendita de Melburno ĉiun lundon de la 1a ĝis la 2a posttagmeze je 92.3 FM, kiel ero de la multkultura radio 3ZZZ. Por la nemelburnanoj ĝi audeblas per la reto je www.3ZZZ.com.aŭ dum la sekva semajno aŭ iam ajn en la arkivejo www.melburno.org.au dank'al la ligoj de reta radio.

## 3ZZZ Retradio Melburno

En antaŭa numero de la Aŭstraliaj esperantistoj, mi menciis ke eblas membriĝi aŭ renovigi sian membriĝon al la radioprogramo en Esperanto en 3ZZZ per kreditkarto irante al la retejo de la radiostacio. Fakte mi eraris. Pago per kreditkaro eblas nur por la radiotono.

Do la eblecoj estas :

1) pagi per ĉeko sendita al la radiostacio 3ZZZ PO box 1106 Collingwood 3066

2) per mono. Se vi uzas tiun metodon pli bone sendi ĝin al mi ( 1 Marne road Mount Evelyn Vic 3796) kaj mi portos ĝin al la radiostacio.

Ĉiukaze ne forgesu mencii ke vi deziras membriĝi al la grupo Esperanto.

Membriĝo kostas $15 aŭ por la emeritoj $10 jare.

Mi antaŭdankas la membriĝontojn

Nome de la la skipo

Franciska Toubale

Kunvokanto de la grupo Esperanto en 3ZZZ





## Estas Somero. Rainer Kurz dum 15 jaroj ĝuas la somerojn en Aŭstralio.

Mi atingos Sidnejon je la 17a de Decembro 2014 kaj restos en Aŭstralio ĝis la 16a de Marto 2015. Rainer

## La Esperanto-Doma Gastdormejo. Estontaj gastoj



Rainer Kurz alvenos la 17an de decembro kaj restos ĉe la gastdormejo ĝis 28a Dec.
Ilia Dewi el Indonezio je la 29a de decembro kaj restos ĝis la 1a de Januaro.
Indrani BeharryLall el S.Aŭs. alvenos Dec.30 kaj foriros aŭ Jan.1 aŭ Jan.2,
Jesa (Hyon-suk) entute 4 koreinoj restos ekde la 13-a ĝis la 19-a de januaro.

Ĉu iu leganto povus viziti, ĉiĉeroni, helpi la gastojn? Sendu retmesaĝon por plusendo al la gastoj. gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; kaj nsw@esperanto.org.au;



# Esperanto-Domo Sidnejo

Merkredon la 10an de dec Roger Springer laboris en la korto kaj domo, preparante la Domon por Zamenhof-Festo. Margaret Chaldecott laboris farante ĝeneralajn oficejajn/domajn taskojn kaj Ian Wylles helpis ĉe la ĝardeno, domo kaj en la arĥiva ĉambro.

## La ŝlosila libreto celas propogandi Esperanton.




Ĉu vi havas pli bonan metodon por rapide klarigi pri Esperanto al ne-Esperantisto?
Roger Springer

## Antaŭa Sidneja Esperantista Societo: ĉu iu memoras la nomon de la Esperantisto kiu ŝatis traduki popolkantojn?

La 22an de novembro 2014, en mia klubo pri popola muziko kaj dancoj, Ringwood Folk Music club, estis lanĉita la libro de Keith McKenry pri la vivo de la kolektanto de aŭstraliaj kantoj John Meredith. Je mia surprizo sur la paĝo 160 de tiu verko, mi legis : « At around this time the Bush Music Club learned its weekly venue, the Seamen's Hall , was to be demolished. One club member belonged to the Esperanto Society- he used to translate bush songs into Esperanto- and he arranged for the club to rent the society's rooms at Milsons Point, under the approaches to the Harbour Bridge, one night a week. »
Por la legantoj, kiuj ne regas la anglan : *Je tiu epoko la Bush Music Klubo eksciis ke ilia semajna renkontejo, la Halo de la Maristoj, estos malkonstruita. Unu el la membroj de la klubo estis ankaŭ membro de la Esperanto Societo- li kutimis traduki popolajn kamparajn kantojn en Esperanton- kaj li elturniĝis tiel ke la klubo luu la ĉambrojn de la societo en Milsons Point, apud la Harbour Ponto, unu fojon semajne. »*
Tiu tempo estas ĉirkaŭ 1956. Ne surprizas min ke esperantisto estas ankaŭ ŝatanto de popola muziko, sed mi ŝatus scii ĉu iu konas la nomon de tiu esperantisto, ĉu la teksto de tiuj kantoj ankoraŭ troveblas kaj kiam la Esperanto Societo malaperis.
Esperante ke iu sidnejano povos respondi tiujn demandojn,
Dezirante al vi agrablan zamenhofan feston.
Franciska Toubale.

# Kara Amiko de Esperanto kaj UN,

La 10-a de decembro estas la Internacia Tago de Homaj Rajtoj, kiu memorigas pri la akceptiĝo de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj en la jaro 1948. La 15-a de decembro estas Zamenhof-Tago, la tago kiam la Esperanto-movado festas la naskiĝon de L. L. Zamenhof en la jaro 1859. La kombino de tiuj tagoj, tiel proksimaj unu al la alia, igas nin pensi pri la kontribuo al paca homa komunikado farita de la Universala Deklaracio, kaj la kontribuo al la universalaj

homaj rajtoj farata ĉiutage per utiligo de la Internacia Lingvo Esperanto. Kaj ĝi igas nin pensi pri **Esperanto kaj Unuiĝintaj Nacioj**.

En la ĉi-kuna informilo de Esperanto por UN vi legos pri du grandaj elstarigoj de Esperanto en du el la plej grandaj mondaj tagĵurnaloj, ***Wall Street Journal*** kaj ***New York Times****.* Tiuj artikoloj aperis, almenaŭ en tiu formo, pro la surloka ĉeesto de membroj de nia naŭpersona laborgrupo en Novjorko. Neil Blonstein gvidis la projekton de *Wall Street Journal* al sukcesa kompletiĝo, al kiu kontribuis ankaŭ Steven Brewer. Humphrey Tonkin almenaŭ malhelpis, ke *New York Times* aperigu kriplajn mistradukojn de Esperantaj vortoj kaj frazoj en sia prezento…

**Tiu surloka ĉeesto rezultas el diligenta laboro de niaj reprezentantoj, kaj ĝi ne estas senpaga. Kiam Young-Long Kim, Neil Blonstein kaj Humphrey Tonkin ĉeestis la kelktagan jarkonferencon de neregistaraj organizaĵoj ĉe UN, ili ne nur disvastigis nian mesaĝon, sed ankaŭ … generis kostojn per sia ĉeesto. Kiel bazon, ili utiligis nian oficejeton en 777 United Nations Plaza, kies monata lupago kaj telefonaj kostoj estas regulaj elspezoj dependaj de la donacoj de niaj subtenantoj – do, homoj kiel vi.**

Gravegas, ke regule venu donacoj de ordinaraj esperantistoj por subteni nian Novjorkan laboron. Eble vi estas inter tiuj, kiuj fidele kaj malavare subtenas nin. Se jes, ni dankas vin elkore pro via sindediĉo. Kaj se vi ne estas inter tiuj, la fakto, ke vi legis tiun ĉi mesaĝon ĝis tiu ĉi punkto, estas signo, ke ankaŭ via koro ne estas malmola!

**Bonvolu konsideri la eblecon finance kontribui nun. Sendu al ni vian financan kontribuon por helpi, ke la oficejo en Novjorko restu malferma kaj plivastigu sian agadon. Montru la vojon al aliaj per via kontribuo.**

**La plej facila maniero sendi iun ajn sumon estas ĝiro al nia UEA-konto "novj-w".**

Kore kaj espere,
Humphrey Tonkin, Ulrich Becker, Neil Blonstein, Ria Boemi, Steven Brewer, Young-Long Kim, Jan Long, Ksenia Prilepskaja, Sofiya Soskina

# Ekskurso al la historia domo kaj ĝardeno de Marcel Leereveld

Dimanĉon la 6an de Decembro , 11 Esperantistoj ĝuis tagon ĉe la historia domo de Marcel en South Belgrave. La domo kie Marcel loĝis dum pli ol 40 jaroj kun sia edzino Alida, unue estis malgranda lernejo por la infanoj kiuj loĝis apude. La instruistino ankaŭ estis Esperantistino.









Ni ĝuis prelegeton ate de Marcel pri la historio de la domo kaj ĝardeno kaj poste ni tagmanĝis. Ni ankaŭ celebris la 97an datrevenon de Marcel .

Poste, ni vagis tra lia ĝardeno kaj samtempe li montris al ni siajn belajn arbojn kaj arbetojn kun multaj informoj pri ĉiu planto.
Bonŝance la vetero pliboniĝis post multego da pluvo kiu falis frue en la mateno.

Ni tre dankas lin por lia laboro prepari informojn pri la plejmulto de siaj arboj. La ĉeestantoj estis Franciska kaj Bernie, Joanne kaj Peter, Jennifer kaj Alan, Peter, Michael, Dot Bysouth, Heather kaj Marcel.
Heather Heldzingen

# La 9a Moskva Lingva Festivalo: plia paŝo al rekono

Mil personoj nun scias pri Esperanto dank' al tiu evento
http://sezonoj.ru/2014/12/masi-12/

La malvasta rondo de la MLF (Moskva Lingva Festivalo) ĉirkaŭbrakas ĉiujare proksimume mil interesiĝantojn. Kun plena respondeco mi asertas, ke ĉiuj el ili scias pri Esperanto, danke memoras, ke ilian ŝatatan kulturan eventon, tra la tuta jaro atendatan, organizas esperantistoj. Ili scias tion ne nur ĉar en la programo estas riĉa propono de eroj ligitaj kun Esperanto, sed ankaŭ pro tio, ke ili aŭdas pri Esperanto de la scenejo dum la malfermo kaj fermo, vidas Esperanto-ekspoziciojn kaj homojn kun Esperantaj insignoj, legas pri Esperanto en la festivala paĝaro kaj sociaj retejoj kaj ankaŭ en la programfolio, kiu estas la ĉefa helpilo kaj navigilo de la grandioza Festivalo por ĉiu organizanto kaj vizitanto.

Sendis Nicole

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto-Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2014-12-11 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (12/12/2014) ĉeestis:
Indrani, Jonathan, Kam Lee, Margaret kaj Sandor. Heather havis subitan, malgrandan krizon.

Nia ĉefa temo estis nia
*** VENONTA KONGRESO EN 2015 EN MELBURNO EN JANUARO**
- Teofilo el Orienta Timoro petis vizon en Dili kaj ni tre esperas ke li povos veni.
- Bedaŭrinde Richard ne povas partopreni, sed ni intencas prezenti lin pere de Skype.
- La instruistoj estos: Ilia (komencantoj), Richard (meza grupo), Trevor Steele (progresintoj)
- La programo evoluas. Ne hezitu, kaj prezentu ion. Bv rigardi la programon en la AEA retejo… sed memoru ke ĝi ofte ŝanĝiĝos.

*** ROBERT BUDZUL - LIBROSERVO**
Kam ***vere*** sendis kelkajn librojn al Heather en Melburno. Indrani intencos peti la reston de la ŝuldoj de Robert.

* **ESK**
La kristnaska numero estas ĉe la presisto.

* **KOMUNA RAPORTO**
Nur Jonathan verkis raporton (pri la retejo).

La venonta Skype estrarkunveno okazos jam post unu semajno, jaŭdon, la 18-an de dec., je la 19:00 (18:30)

Kam Lee, Indrani, Jonathan, Margaret, Sandor

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj<br>**Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj** | Vidu AE184 | Vidu AE185 | Vidu AE186 | Vidu AE187 | Vidu AE188 | Vidu AE189 | Vidu AE190 | Vidu AE191 | Vidu AE192 | Vidu AE193 | Vidu AE194 | Vidu AE195 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **AEA informas** | | AE185 | | AE187 | | AE189 | | AE191 | | AE193 | AE194 | AE195 |
| **Brisbana Esperanto-Societo** | | | | | | | | | | | | |
| **Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | | | | | | | |
| **Centra-Marborda Esperanto-Klubo** | | AE185 | AE186 | AE187 | | | | AE191 | | | | |
| **Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio** | AE184 | AE185 | | AE187 | | AE189 | AE190 | AE191 | AE192 | AE193 | AE194 | AE195 |
| **Esperanto en Sudaŭstralio** | AE184 | | | | | AE189 | | AE191 | | | | AE195 |
| **Esperanto-Federacio de Viktorio** | | | | | | | | | | | | |
| **Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero** | | | | | | | | | | | | |
| **Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio** | | | | | | | | | AE192 | | | |
| **Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia** | | | | AE187 | | | | | AE192 | | | AE195 |
| **Manlia Esperanto-Klubo** | AE184 | AE185 | AE186 | | AE188 | | AE190 | | AE192 | | AE194 | |
| **Melburna Esperanto-Asocio** | | | AE186 | | AE188 | AE189 | | AE191 | | | AE194 | |
| **Melburna "Meetup" Grupo** | | AE185 | | | | | | | | | | |
| **Tasmania Esperanta Societo** | | | | | | | | | | | | |
| **Toowoomba Esperanto-Societo** | | | | | | | | | | | | |
| **Torkia Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | | | | | | | |

**Informu AE se la listo eraras rspring@tpg.com.au**

**Sendu informon pri via klubo**

Estigu parto de la estonta historio de Esperanto ĉe Aŭstralio

